2.ª JARO N.º 16 DUONMONATA ESPERANTO-GAZETO 15 JUNIO 1937

# Popola Fronto

INFORMA BULTENO INTERNACIA PRI HISPANA LUKTO KONTRAŬ LA FAŜISMO

ELDONO DE GRUPO LABORISTA ESPERANTISTA
REDAKCIO K ADMINISTRACIO: STRATO MAR, NUM. 25 VALENCIA (Hispanio)

## NE NUR BONA VOLO!

Estas konvene, ŝpari prudente la vortojn sen brido, por ekzamene juĝi la enhavon de la telegramoj ĵus senditaj reciproke inter la sindikataj k politikaj Internacioj, kiel sekvo de la urĝa voko, kiun turnis al ili la marksistaj partioj de Hispanio por helpo, konkreta k trafa, en nia milito.

Neniajn avantaĝojn ni rajtas atingi per troa postulemo aŭ per egoista meto de nia konflikto kiel unuarange solvenda problemo en la normala vivo de aliaj nacioj. Se la kapricoj de l' Destino elektis la hispanojn por grava tasko; ili mem devas suferi la plej grandajn frapojn de sia sorto. Tamen, sen ia forgeso pri la valora helpo donita al nia lukto de ĉiuj gravaj tutmondaj organizoj, neniel ni povas akcepti plensate, ke ili jam faris, favore al ni, ĉion, kion ili povas aŭ ĉion, kion ili devas. Ni scias, kompreneble, pri la baroj kaŭrantaj sur ilia vojo, pro politikaj kompromisoj en registaraj postenoj de kelkaj ŝtatoj aŭ pro specialaj cirkonstancoj de taktika oportuneco. Agnoski tion estas elementa grado de justeco; sed, malgraŭ tio mem, jam estas sincere skribite ke la potencaj proletaj Asocioj ankoraŭ ne faris ĉion, kion oni rajtas al ili postuladi. La signifo de nia lukto rajtas peti k atingi taŭgajn klopodojn pri efika solidareco kun niaj doloroj. Ne sufiĉas la dankinda livero de manĝaĵoj k ŝtofoj. Ne sufiĉas jam eĉ la tintantaj monkolektoj. Ne sufiĉas nur, kvankam ĝi estas bona faktoro, la platona simpatio al nia tragedio. La bona volo estas multo sed ne plene sufiĉa. Ni bezonas, en mezo de kruda milito, masivan apogon kun ioma milita medolo! Milito estas milito...

Nepra kondiĉo por la venko estas, ke la kolosa forto de la internacia laborista klaso elektu rapide pozon k movon de batalo, akceptinte, almenaŭ por estingi la danĝeran incendion, stabon je unu sola komando. Komuna estas la respondeco de ambaŭ Internacioj por nia triumfo aŭ por nia fiasko; tial do, komuna devas esti ankaŭ ilia plenumenda penado por kapti sukceson evitante fatalan katastrofon por la estonto de la modestaj sociaj tavoloj.

Inter la multaj metodoj, kiujn nia milito elpruvas, unu el ili estas la takso k mezuro pri efika kapablo por decida influo, kiun la tutmonda produktanta klaso povas disvolvi en ĉi tiu grava historia momento, kiel veto, inter faŝismo k progreso, rulanta tra fajro k sango sur la antikva tero de Hispanio. Ĝis kia grado pezos, en la internacia politiko, la volo k la intereso de milionoj da laboristoj, solidaraj—pro devo k pro gajno—kun la ega suferado de la hispana popolo? Ĉu ankaŭ kruele fermiĝos por ni tiuj verdaj pordoj de la gaja espero? Ni multe ankoraŭ rezistas akcepti dubojn en tiu demando! Tamen, certe la faktoj ja devas forstreki la supozojn. Ne nur bona volo sed impeta lavango por trudi konscie, al ĉiu ajn, la tujan k glitan funkciadon de la koncerna mekanismo. Nur la uzado de maŝino povas konvinki pri ĝia utilo, kiel normo por nia privata romantika emocio aŭ por la eternaj severaj juĝoj de la Historio. La subtila garantio de la Demokratio k la veterana kredito de la du ekzistantaj laboristaj politikaj Internacioj estas nun en pruvo, en ekzameno antaŭ la rigora tribunalo de la faktoj. La diversaj sekcioj de la Internacioj ludas, pli aŭ malpli volonte, gravan rolon en nia luktego; ili estas, vole nevole, batalantaj korpusoj. La mezaj solvoj k la konfuzaj formuloj tute ne taŭgas por ili nek por ni. Ĉiuj, kiuj vere deziras, avidas k volas nin helpi—sin helpi—devas, jam de nun, prezenti, en la plato de la mano, kun siaj bonaj vortoj, pri sia bona volo, ankaŭ la efektivan volumon de siaj bonaj k praktikaj agoj.

**Bravaj hispanoj: Ĉiuj niaj pensoj flugas al vi. La estonteco de Okcidento burĝonas en viaj batalkampoj. La sorto de la eŭropa libereco estas ligita al via venko. Via Popola Fronto estas nun la avangardo de la Demokratio en tiu lukto inter la popoloj kontraŭ la detruema faŝismo. Kuraĝon en gloro, por vi, kamaradoj!**

**Romain ROLLAND**

## Gazetara Fronto

Bedaŭrinde, eĉ la plej abomena celo aŭ la plej nigraj intencoj ĉiam havas lertajn advokatojn, kiuj, fripone bombastigante kelkajn punktojn k fie kaŝante aliajn, pravigas, sub jura parodio, sociajn krimojn k politikajn monstraĵojn. Sed ankaŭ tio ne estas ĉio; la teknikaj subtilaĵoj ne trafas la homamason. La popola publiko, ĝenerale, uzas nur, kiel motoron, la noblan impulson de subitaj sentoj sub la impreso de momenta pasio.

Por ekspluati la popolon, la faŝismo bezonas, paradokse, la popolon mem. En tiu senco, la kapitalista gazetaro plenumas rolon tiel gravan ke la konsciaj homoj devas tre atente zorgi pri ĝiaj siblantaj zigzagoj.

En nia milito, en nia dramo, la internacia gazetaro estas gravega faktoro. Jam ĉe la komenco, afero tiel klara, tiel digna, kiel tiu de popolo staranta en defendo de rajto k leĝo, aperis en la ĉefaj paĝoj, en la reakcia k trusta gazetaro, kiel brua tumulto de «ruĝaj» banditoj. La honestaj modestaj gazetoj, de laboristaj k veraj demokrataj partioj, ba-




Unua numero de la nederlandlingva POPOLA FRONTO

raktis dankinde k brave por nuligi aŭ senvalorigi la falsajn informojn de tiuj venenaj ĵurnaloj, putriĝintaj en luksa eksteraĵo k ruze maskigante siajn dentegojn per remburo de veluro. Ho, gazeta neŭtralismo, kiom da krimoj ci kovas!

Eble ni ne malkovras sekreton dirante, ke propagandi estas facile se oni pravas k se oni sentas la pravon; tial la bonaj aferoj malŝatas la dungitajn laŭdistojn.

Laŭ tiu principo, POPOLA FRONTO konsistas el simpla materialo, kiel praktika lernejo, en avangarda loko, pri popola ĵurnalismo, kiu «infekte» jam penetras en amikaj rondoj de aliaj landoj, inter kiuj Nederlando montras aroge la unuan kajeron de supera kurso. Jam la popolo povas eldoni gazetojn kun eblo trempi la plumon en la ondojn de la propraj arterioj!

Utila k milda estas la informada fronto, kie tra parapetoj el papero oni ne prenas kaptitojn sed oni nur gajnas adeptojn...

DENOVE PRI ANGORA TEMO

# LA LUPO ŜAFE RESPONDIS...

La terura sciigo, pri faŝista buĉado en Kordobo de ĉiuj esperantistoj, efikis tra la verda mondo kiel peza argumento, favora por la popola flanko, en la hispana milito; kompreneble, la altrangaj samlingvanoj, en la internacia katolika movado, bezonis rapide mildigi la dornon en sia gorĝo k la admonojn de konscienco en sia publiko. Tial unu el tiuj piaj gravuloj elektis simplan rimedon: Li skribis rekte al perfida generalo Franko demandante konkretan informon pri la tikla afero.

Post dek tagoj, li ricevis «oficialan» respondon kie, komplimente, oni pretendas jezuite, ne nur neadi la masakron al niaj Kordobaj samideanoj sed eĉ la milojn k milojn da ekzekutoj k murdoj pro la sola delikto—politika krimo—defendi la leĝon k la dignon de la lando. La lupo, por daŭra trompado al mildaj koroj, ŝafe respondis... ke li mem sentas simpation por Esperanto!

Per tiu papero, kun ribela stampo, la grava celo poluri la ŝajnojn jam estas atingita. lu katolika Esperanto-gazeto preskaŭ dronis, pro kontento, en ŝaŭmanta maro de entuziasmo: Ho, Franko ne plu estas buĉisto sed eĉ kandidato al samideaneco!

Tiun gazeton, bedaŭrinde, ni ne legas ĉar ni ne ricevas ĝin interŝanĝe. Tamen ni ĵus sciiĝas pri tiu esperanta diplomataĵo en *Heroldo de Esperanto* de 6. Junio, kolego pritraktinte, krome, la temon laŭ delikata k objektiva maniero, kiun ni danke agnoskas.

Kun la alta aŭtoritato de la homa rajto k leĝitima leĝo, ni ne bezonas mensogi por veki kompaton, kvankam terure, multajn fojojn, la vero mem pri faroj kruelaj ŝajnas nekredebla. Unu el tiuj epizodoj estas la rabo de vivo al niaj martiroj el Kordobo. Kun ĝemanta kolero, pro sankta malamo, ni nur laŭtigis la sciigon, kiun ni mem tiam ĵus aŭdis de faŝista radiostacio, kun spleno, diranta jenon proksimume: «En Kordobo, ĉiuj membroj de la sektoj, framasonoj k esperantistoj, ricevis adekvatan punon pro sia partopreno en antinaciaj laboroj.»

Nenion plu ili aldonis; nenion plu la faŝista voĉo diris, sed, ho ve, almenaŭ por ni, hispanoj, tio jam estis sufiĉe!

Zorgu do la advokatoj de la katolikaj konsciencoj, prezenti pruvojn pli konkretajn, ol emfazan oficialaĵon, por pruvi ke la faŝista radiostacio—ne ni!—mensogis. Ni, modestaj civitanoj, avidas tion, pro amo al niaj amikoj, pli sopire ol ĉiuj tiuj piaj gravuloj dezirantaj, pro politikaj inklinoj, viŝi aŭ kaŝi koagulaĵon el sango en nia verda stelo.

Nur estus konvinkiga la respondo de la viktimoj, ne tiu de la lupo eĉ kun ŝafida nuanco...

# DETRUANTO MORTIS DETRUITE

La 3. nunmonate, je la 10ª matene, mortis faŝista generalo Emilo Mola Vidal, laŭŝajne pro aviada akcidento. Multaj oficiroj k superaj estroj mortis dum la milito k ni ne atentigis la fakton ĉar tiuj perdoj estis negravaj por la evoluado de l' milito. Nun la faŝistoj perdis plej gravan elementon, ĉar generalo Mola estis la sola vere kapabla laŭ strategiaj konoj. Ili perdis la plej inteligentan generalon k ankaŭ la plej kruelan politikiston.

Li estis elektita por prezidi la novan faŝistan registaron, kiu devus funkcii antaŭ ol la fino de nuna duonmonato. Li havas bone konatan historion pri kruelaĵoj. Siajn militajn postenojn li gajnis en Afriko; kie li famiĝis pro senkompataj masakroj al maŭroj. Dum la diktaturo de Primo de Rivera li estis nomata Ĝenerala Direktoro pri Publika Ordo li honorigis sian famon ordonante pafadon al medicinaj studentoj, kiuj strikis.

Malgraŭ tio, la Respubliko estis indulgema k donis al li militan postenon. Kiam krevis la ribelo, li komandis la reakcian regionon Navaro; malnoble li ordonis mortigon al estro de civilgvardio, kiu ne toleris la perfidon. Tuj li estris la korpuson, kiu atakis Madridon k fiaskis, kiel poste fiaskis generaloj Yagüe, Varela k Faupel en la postaj atakoj, kiujn ili gvidis. Mola poste ankaŭ komandis la korpuson, kiu atakis la ĉefurbon tra la nordo, kio brue fiaskis en Guadalajara, antaŭ tri monatoj.

Ĉar la germanoj nur fidis al Mola, li ricevis la komision gvidadi la grandan atakon al norda zono. Provizita per ĉiuj elementoj grandskale, li atakis kun kruela persisto, masakris, bruligis k neniigis ĉion, laŭ germana, sistemo, kies sola rekta interpretanto li estis, kiel generalo sen emocio.

Spite tion, denove li malsukcesis; kelkafoje li anoncis precizan daton por alpreno de Bilbao. Poste Franko mem difinis ordone al li la tagon. Sed li ne povis trafi tian celon, kvankam en la unuaj monatoj ne ekzistis, en norda zono, respublikaj aviadiloj.

Nun, kiam respublika armeo de Madrida fronto atakas fortege k alproksimiĝas al urbo Segovia, Mola ricevis ordonon iri tien por repuŝi la lojalajn trupojn. Laŭkutime li vojaĝis per aeroplano, k la aviadilo falis teren; ĉiuj okupantoj kune pereis.

En faŝista zono multaj ne kredas la oficialan klarigon pri la akcidento k oni parolas pri saboto... Sed tio vere ne gravas, ĉar la esenca fakto estas, ke vere sovaĝa bestaĉo malaperis, ke pioniro de «tuteco» en milito jam ne plu povos flegme ordoni novajn masakrojn k detruojn kiel tiuj de Durango, Ochandiano, Amorebieta k Gernika, kiujn li anoncis k realigis.

Dio aŭ la Destino nepre punas...

## LA ALTA TONO DE NIA VOKO DEPENDAS NUR DE VIA PRAKTIKA HELPO

Memoru konstante, entuziasme, pri niaj financaj adresoj:

| | |
|---|---|
| ĜENERALA INTERNACIA ADRESO | NEDERLANDA ADRESO |
| nur por mono | nur por mono de holandanoj |
| GUSTAVE FARENC | PETRO van der PLANK |
| 53, Rue Brise-Pain | Van Speijkstraat, 48-I |
| Poŝtĉekkonto 13944 Orleans | poŝtĝiro 245542 |
| ORLEANS (Loiret) FRANCIO | AMSTERDAM W. Nederlando |

ANGLIO.—K-do O. MELTON.—23 Fowler Str. Nechells, BIRMINGHAM 7

SVEDIO.—ARBETAR ESPERANTISTEN.—Barnhusgatan 8 ö. g. n. b., Poŝtĝiro n.° 53411, STOCKHOLM

BELGIO. — K-do M. DELFORGE. — 33, Rue de Heigne, Poŝtĝiro 199106, CHARLEROI

REDAKCIA ADRESO POR ĈIO ALIA

**POPOLA FRONTO—Mar, 25, Valencia (Hispanio)**

DOKUMENTOJ POR LA HISTORIO

# IBIZO KAJ ALMERIO

Esprimi egan indignon, pro la okazintaĵoj de lastaj tagoj, estas la nepra devo de ĉiu konscia homo. Ne necesas esti tre lerta por atingi komprenon pri la vera aspekto de tiuj eventoj. Unue ni informos niajn legantojn pri koncernaj detaloj. La 29. Majo, frumatene, oni ricevis en nia urbo jenan radiotelegramon:

«Al Milita Komando de Valencio.—Dum lastaj tagoj, aeroplanoj sub viaj ordonoj alproksimiĝis, kelkafoje, aspektante atakan intencon, al germanaj militŝipoj, kiuj dejoris en zono de kontrolo. Tiu maniero alflugi militŝipojn de aliaj nacioj kontraŭas la internaciajn kutimojn. Mi petas, ke ili ne flugu super germanaj militŝipoj. Por ebla ripeto mi ordonas alprenon de koncerna sinteno.—Von Fischel, estro de germana eskadro en hispanaj maroj.»

Jen la tuja respondo:

«Ministro por Nacia Defendo, al Von Fischel, estro de germana eskadro en la Mediteraneo. — Ne estas certe, ke aeroplanoj de hispana Respubliko flugis atakeme super fremdaj militŝipoj dejorantaj en kontrolo. Se la kontrolon ili plenumas en fiksita zono, k sub la kondiĉoj difinitaj de la Internacia Komitato por Ne-Interveno, tiuj ŝipoj nenion riskas flanke de niaj aviadilaro k eskadro; tiu garantio ne same validas se ili restadas senprudente k senpravigite en rodoj aŭ havenoj, kiuj estas centroj por agado de la ribeluloj, kontraŭ kiuj ne eblas, ke la legitima Registaro de hispana Respubliko detenu sian atakon.»

La germana admiralo respondis:

«Al Milita Komando de Valencio.—Vian aserton, pri tio ke ne estas vere ke viaj aeroplanoj atakeme superflugis germanajn militŝipojn en kontrola zono, mi rifuzas ĉar ĝi ne akordiĝas al la realo. Ĉar la efektiva agado de viaj aviadiloj, laŭ via respondo, ne estas sub via rekta influo, okaze de ripeto mi alprenos taŭgan sintenon; k mi jam rifuzas al plua interŝanĝo de notoj.—Von Fischel.»

La saman tagon, je la kvina posttagmeze, du respublikaj aviadiloj, en observa flugado, iris al Balearaj insuloj. Kiam ili superflugis la havenon de Ibizo, germana krozŝipo «Deutschland» kiu estis du cent metrojn apud la kajo, intense pafis la aviadilojn, kiuj tre alte superflugis. Pro tiu senprava k neatendita atako; la aeroplanoj malsupreniris k sin defendis ĵetante dekdu bombojn, el kiuj kvar trafis la nomitan ŝipon.

Ni klare menciu: La kontrolaj ŝipoj nur rajtas kontroli ĝis dek mejloj, ekster la hispana marbordo; la kontrolŝipoj de l' Mediteraneo devas sin provizi en Alĝerio; k la kontrolo de Balearaj insuloj estas zorgata de la franca eskadro.

Germana eskadro, konsistanta el krozŝipo «Admiral Scheer» k kvar detruŝipoj, la 1. Junio, je la sesa matene, antaŭ la urbo Almerio, elmastiginte la flagon de kontrolo, hisis la hokokrucan flagon k subite bombardadis terure la urbon dum duonhoro. Tri cent obusoj estis ĵetataj al nia marborda urbo; granda nombro da civiluloj, virinoj k infanoj pereis.




Mapo de Hispanio kun indiko pri la diversaj regionoj, inter kiuj nun Katalunio k Baskio ĝuas aŭtonomion. Du solaj el tiuj regionoj, Galegio k Navaro, estas tute sub faŝismo. Katalunio, Valencio k Murcio estas puraj je tiu pesto. En ĉiuj ceteraj, pli malpli konkrete, la posedo dividiĝas duone inter la ribelintoj k la legitima hispana Registaro

Sekvantajn tagojn, du italaj submarenoj torpedis, dum kvar tagojn, ses komercŝipojn, inter ili la transportŝipojn «Ciudad de Barcelona», kie preskaŭ du cent personoj formortis. Eĉ velŝipoj, kun cementa kargo, estis torpedataj!

Komenti la faktojn estas facila tasko, sed necesas komprenigi, ke per interŝanĝo de radiogramoj, la germana eskadrestro celis pravigi sian tujan atakon kontraŭ registaraj aviadiloj. Pretekstante esti atakitaj, la germanaj piratoj rajtas, laŭ propra decido, fari kanajlan bombardadon kontraŭ civilaj sendefendaj urboj.

Fine, ili minacas k postulas privilegiajn kondiĉojn por ne forlasi definitive la sistemon de kontrolo. Ili eĉ pretendas, en okazo de «nova atako» al ili, agi memstare por puni kaprice la atakintajn fortojn.

Konante la provokeman sintenon, kiun ili observis en tio, kio koncernas la ŝipon «Deutschland», akcepti tiun postulon estus lasi al ili la manojn tute liberaj por kanonpafi k bombardadi, laŭplaĉe, la tutan marbordon de hispana Registaro, post lerte aranĝitaj pretekstoj pri nerealaj atencoj.

Ili avidas tion fari malkaŝe, ĉar ili ne ŝatas manovri en mallumo kiel ĝis nun; krom malnoblaj, ili ankaŭ estas tro arogaj k emas fanfaroni.

Siaflanke la italoj adoptas, interkonsente, similan konduton. Italio retiriĝis, ankaŭ provizore, de la kontrolo k havas samajn postulojn por reveni al ĝi. Tio enhavas unu solan klaran signifon; saboti la kontrolon: krei k kompliki konfliktojn; gajni tempon kun celo MALHELPI LA PLANON PRI FORIGO DE LA VOLONTULOJ. Jen la sekreto!

Ambaŭ potencoj absolute interkonsentas pri tio ke se la eksterlandaj batalantoj retiriĝas ambaŭflanke, Franko estos rapide k nepre venkita.

Tial, antaŭ la tiom eta rezulto atingita en kunsido de la Ligo de Nacioj (deziresprimo pri forigo al fremdaj soldatoj) k antaŭ ol kiam oni ekpuŝus la aferon en tiu direkto, la faŝistoj provokis la incidenton de Ibizo, plenumis la krimon de Almerio... k Mussolini solidariĝas kun Hitler.

Ambaŭ prokrastigos la aferon tiel longe kiel eble, malgraŭ tio, ke ili ne hezitos lastmomente diri tute klare al la Mondo: NE!

Ili, pli klare ol Londona Komitato, konscias pri la neevitebla fakto ke hispana popolo ne apogas Franko-n, kiu rezistas nur dank' al helpo de eksterlandaj soldatoj; nenian ŝancon havus Franko se li restus sola kun hispanaj trupoj.

Jen la vera signifo de provokita incidento de Ibizo k de senkaŝa, barbara, atako al Almerio. La kruelaĵoj de eŭropa k abisena militoj jam estas superitaj. Tion dolorige atestas Badajoz, Malago, Durango, Gernika k ĵuse ankaŭ Almerio.

Dume, demokrata tolerado daŭras...

**La kanona blekado, sur Almerio, estas averto por la orela strikado!**

## NIA ESKADRO

Bruno Alonso, la politika Komisaro de nia Eskadro, publikigis pri ĝia grava laboro, jenan noton:

«Ni estas silentemaj k ne fanfaronas, ĉar tion postulas nia pensmaniero k la speco de niaj servoj; pro tio eble multaj kredas, ke niaj maraj fortoj ne estas unuarangaj en la milito.

Por reliefigi nian agadon antaŭ la okuloj de tiuj, kiuj ne konas la vivon de nia eskadro, eble estus necese ke ni dronigu sinsekve ĉiujn aliajn piratajn ŝipojn. Kaj tamen, kiom granda, kiom giganta, estis la helpo de la eskadro al la milito, kontraŭ perfiduloj k invadintoj!

Cartagena, kiu nin vidas eliri al maro, scias kiel ni revenas k kun kio ni revenas, malgraŭ ŝtormoj, spite la malamikon k ĝiajn internaciajn helpantojn, kiuj nin vidas eliri k eniri ne disputante la kargon, kiun defendas niaj kanonoj, niaj maristoj!

La respublika eskadro plenumis netakseblajn servojn, kiujn iam oni diskonigos. Tiam, ĉiuj fieros pri eskadro, kiu balais la malamikon k provizis al niaj frontoj pri la necesaj varoj por longa lukto.

La respublika eskadro ne petas, nek volas, honorojn ĉar silento en laboro, penado, memofero k disciplino konsistigas la plej bonan premion; sed ĝi esperas, ke iam oni agnoskos la gravecon de ĝia laboro, kiun multaj ne ankoraŭ konas, envicigante al la maristoj, luktantaj en mara fronto, kiel herooj de unua rango, apud tiuj de la teraj frontoj.

La respublika eskadro formas legitime k honorplene la triangulon de la granda Armeo, por Maro, Tero k Aero, de la popola Respubliko.»

## *Proleto al la celo!*

(Laŭ muziko de la malnova baska himno «Gernikako Arbola»)

Prolet' en ĉiu loko
alkuru kun akcel',
ĉar sonas popolvoko:
«Proleto, al la CEL'!
Vekiĝu konsciencoj
ĉar riskas la POPOL'.
For restu diferencoj;
nur estu sola VOL'!
Antaŭen, kamaradoj;
postulas l' IDEAL',
ke niaj la BRIGADOJ
sukcesu en batal'!

* * *

Estu sola kriado:
REVOLUCI'!
UNI'!

Julio Mangada Rosenorn

## Kontrolintaj kanonoj sen kontrolo

La bruego de tricent kanonpafoj kraĉante obusojn, kiuj detruis la domojn de Almerio k tranĉis abrupte la vivon de multaj personoj, ne svenigas nian menson. Nia kapo ankoraŭ estas memrega, nia animstato ankoraŭ estas serena. Antaŭ la barbara faŝismaĵo en Almerio, nia kuraĝo restas kun pli firma streĉo. Tamen, ni ja ne povas eviti senti fortan emocion; tiu emocio, nun reganta ĉe ni, ne signifas, ho, tute ne! balbutojn de hezitemo. Ni sentas emocion ĉar ni plene konscias, ke, en nia milito, jam sonoris la horo decida.

Kia devas esti do nia reago antaŭ la kruda realo? La respondo vetkuras rapide, publike aperadi: Ni akceptas, sen ĝemoj, la situacion, kiun la cirkonstancoj trudas! Kvankam ni atentas pri eblaj proksimaj sekvoj; ni vartas pli aroge la dignon de nia rajto k la respekton por miloj k miloj da karaj niaj falintoj. Post tiu konkreta atenco en Almerio, marŝas paralele nia utilo kun nia fervoro. Sed eĉ en okazo de malakordo, inter ambaŭ punktoj, nia fervoro, kiel honoro—jes! kiel honoro de hispanoj, de proletoj k de antifaŝistoj—tute ne akceptos la utilon se, por tia profito, oni postulas ŝiraĵojn de nia pura konscio, hardita jam dum preskaŭ unujara sinofero.

En Ĝenevo aŭ en Londono, povas daŭri, kun videbla sufloro, la mallerta ludo de la farso plej kruela; ĉi tie, en Hispanio, malgraŭ Ĝenevo k Londono kune, nia fiero de hispanoj, de proletoj k de antifaŝistoj, ankoraŭ valoras, ankoraŭ valide ĝi pezas sur la histoj de nia konscienco, supera tribunalo ne jam por nacianoj, ne jam por adeptoj de klaso aŭ doktrino, sed nur, ho certe! por la sola k nobla morala kondiĉo de homoj.

Ni estas sufiĉe spertaj por ne taksi la danĝeron. Antaŭ akuta konkludo —nur pri zorgo, ne pro timo—fajfas nia alarmilo. Grava, gravega, estas, sen ia dubo, la publika germana atako kontraŭ la andaluzia urbo. Tio egalas al



perfida deklaro de milito, sen ultimato, al legitima Registaro de Hispanio; eble ĉio estas nova etapo de fripona plano. La fremda faŝista interveno, en nia konflikto, ĵus forĵetis je si la maskon, kiel tigra respondo al la papagaj decidoj, de Ĝenevo k al la lupaj intencoj de Londono.

La vualita interveno, la hontema invado, transformiĝas jam en apaĉa cinika atako, kiu velkigas la groteskajn diplomatajn bukedojn. La nova fazo, en la internacia panoramo, ne estas fumo sed lampo, almenaŭ por la popoloj. Kiun novan pretekston knedos la nigra faŝismo por pravigi novajn krimojn? Ni amare eĉ pensas, ke ĝi ne bezonas jam fabriki banalajn riproĉojn. La diplomata filistra kolegaro studis fervore por ĥore parkeri kontentigan rekantaĵon...

Ne estas necese ĵuri tro ofte pri nia pura pacifismo. Ho, neniam oni povas ami pli la pacon ol dum milito! Tamen ja, nia pacifismo ne estas iu stranga teorio pri timo sed digna k dorna doktrino, por asekuri la pacon.

En la drastaj horoj el ĉi tiuj tagoj, Hispanio sonĝas k revas pri feliĉa paca estonto, sed por masivigi tiujn flugojn de la fantazio, la hispana popolo, ni mem, plenumas hodiaŭ devon sen hezitoj. Antaŭ ĉiuj oferoj, ni estas pretaj submetiĝi, kun la konvinko ilin supervenki, kun prudento aŭ sen prudento. En la areno de la mondo, la spektaklo, jam tro enua, de nia kolosa epopeo havos dignan finon. Estu certaj pri tio! Se por tegi dece la lastan paĝon de la verko, iam ajn, pli aŭ malpli frue, estas necese ekfari la plej gravajn paŝojn, tiam ne mankos la rolo elektita: Pensante je niaj mortintoj, pereintaj por io; pensante je niaj idoj, vivontaj sen tiranio; pensante je ni mem, kun nobla egoismo; unutakte la gehispanaro ne haltos stare, sed ĝi marŝos antaŭen aroge k brave, tra la imponaj kadroj de la pordo de l' Destino...

«IRONIO estas moka dirmaniero, laŭ kiu oni esprimas ian penson tute kontraŭan de tio, kion intencas komprenigi» (PLENA VORTARO) Swift, Voltaire, Anatole France k Arigato Gozaimasu estas majstroj pri ironio



# BONHUMORA FENESTRO

## VORTOJ SEN PENTO

Post ricevo de la manifesto de G. A. P. petole aperanta iomete malsupre, la redaktoroj de POPOLA FRONTO urĝe kunsidis, en subtera rifuĝejo, dum 71 horoj, 26 minutoj k 14 sekundoj. Estis amplekse pritraktite ĉu tiaspecaj varoj rajtas kontrabandi en nia pekema gazeto; finfine triumfis la hereza decido malpurigi spacon per ironia inko. Nun, kiam bombardadoj sur nia urbo, k eĉ najbare al nia redaktejo, okazas tiel ofte, estas plej oportuna momento por ŝerce vortludi k gaje trairi ekvilibre la draton de klaŭna humoro. Por idiotismo ne valoras logiko!

Pri tio sama do, ni absolute konsentas reciproke kun aliaj estimataj kolegoj de la Esperanto-gazetaro en laborista kampo. Se nia popola frunto ne volas velke sulkiĝi, nepre ĝi bezonas freŝan pudron por pikeme allogi niajn legantojn. Ni ne riskas perdi la klientaron: Seriozo maljunigas. Rido sanigas. Kaj stulto idiotigas.

LA GAJA REDAKCIO

EKSTERTENDENCA KUNLABORO

# VIVU LA ĈARLATANISMO!

Se niaj kotizantoj ne estas kretenoj, sendube ili konscias pri la ronda signifo de sia membreco k pri la eksterordinara salo de ĝiaj fundamentaj principoj. Efektive, kio estus organizo sen principoj? Ĥaoso!

Sed jen nia fajfo! La principoj estas minacataj k flaras pereon pro la pasia hepato de kelkaj aŭdaculoj, kiuj facilanime supozas eble vivi sen ili. For la aŭdacan oportunismon!

La adeptoj de tiu nova sekto, kiu danĝere forblovas la respektindan polvon de tuta klasika strukturo ŝajne ne kapablas percepti la volumon de niaj virtuozaj principoj, ortodokse ekstertendencaj. Obstine, la aŭdacanoj ignoras la esencan diferencon inter «ĉarlatanismo» k «ĉarlataneco» ne komprenante, ke la unua estas doktrino, kiu, sub diskreta formo de «frakcio», marĉandas senĝene en la vasta kampo de la dua. Ni kredas, ke la afero estas sufiĉe klara k ni ne jam insistas plu sur tiuj ĉi punkto k komo. Agitado ne estas ĉarlatanado!

La laborista klaso esperantista—en ĉiutendenca mikso, laŭ onidiro—ne forgesu, ke nia tasko estas eduka k tial tre klerige ni rajdas sur objektiva selo. Impertinente oni pretendas, ke okazis ŝanĝoj en la monda panoramo post oscedoj en la jaro 1922 (*). Sed ni kontentiĝe konstatas, ke riveroj, montoj, valoj k oceanoj restas en la sama loko k eĉ ke niaj antipodoj loĝadas ankoraŭ en la kontraŭa flanko, trans la maro. Ĉu tio ne pruvas hele, ke tiuj babilantoj pri ŝanĝoj tute mistike malpravas?

Sub banala preteksto de Faŝismo, oni diskutas la principojn, sen atento al la scienca fakto ke Faŝismo estas kvazaŭ ia morbilo, kiu certe formalaperos post ajna periodo da tempo, k nur restados senmova la saĝa patino de niaj reguloj.

Nur ni, kiuj tronas komforte en glacia zono, povas filozofeme observi k juĝi senkolere. Nia sperto pri neĝo pruvas, ke ni ne vane kulturas kosmologian spiritostaton. Kaj se en la nuna tempo, nia sendogma kapelo apogas sin nur sur membraro loĝanta en demokrataj landoj, tio ja ne signifas, ke ĉiam daŭros same, ĉar ankaŭ en tiuj landoj povas ŝpruci aŭ venki Faŝismo k malpermesi aŭ persekuti nian movadon.

Oni forpelis nin el Kolonjo; ni instaliĝis en Marseljo. Se oni forpelus nin el Francio, ni translokiĝus al Ĉikago. Ni kapablas antcipi, ke ni ne perdiĝas en nebulaj frazoj pri sendependo de la nacio aŭ defendo de la hejmo. Ĉiam restos anguleto, el kie ni povos prediki nian doktrinon k flirtigi nian malneŭtralan standardon.

Bedaŭrinde, kelkaj bigotoj de nia Asocio devojiĝis k erare vagas tra la hispanaj eventoj, kiujn ili rigardas kun troa intereso. Tiuj ŝafetoj pretendas, ke ni loĝas en la Luno... Ankoraŭ ne, ankoraŭ ne! Sed ĉar ni estas civitanoj en la Mondo, sciante eltiri logikajn konkludojn el la faktoj zumantaj ĉirkaŭ ni; ni iras ofere ĝis la lastaj konsekvencoj. Kaj se subite varmiĝus nia glacia zono, ni ne rifuzus rifuĝi en Groenlando aŭ en Alasko. Eĉ se necese, ni ne hezitus translokiĝi al la Norda Poluso por konservi nian cerbon en glacia stato.

La principoj estas... la principoj. Nia devizo estu: «Savu sin principoj kvankam pereu popoloj!» Viktimoj estas herooj!

Intertempe, niaj kverelemaj hispanaj kamaradoj, kun ĉiuj, kiuj simpatias al ilia stranga antifaŝisma sinteno, devas stude pripensi la aplikon de niaj sanaj principoj al la varma—eble pro somero—situacio. Kontraŭstarante nian teorion pri ignorado de landlimoj, ili klopodas konservi revolucie sian nacion. Ĉu ne estus pli efike ĉesigi militon? Faŝismo estas militema, sed Esperanto konsilas dissaltigi la forte starantajn murojn de miljaroj, inter la popoloj dividitaj. Saltoj estas gimnastiko!

Kompreneble, se Franko venkus, Hispanio konsistigus, kun Germanio k Italio, tutecan unuon, kiu estus paŝo k plia ŝtupo al forigo de ĉiuj ceteraj naciaj obstinaj baroj. Ĉi tio estas premiso por daŭra posta stariĝo de aŭtentika socialismo en Tutmondo. Eĉ se Faŝismo regus en la tuta Universo dum jarcentoj, oni devas mediti ke unu jarcento estas tempereto kompare al la senfina Eterneco. Aliflanke, la triumfo de Franko estus efemera, ĉar post sia, pli malpli longa, regado li mortos, kiel mortis k mortas, laŭlonge de la generacioj, ĉiuj tiranoj senescepte.

Niaj hispanaj kamaradoj do, ne sin okupu pri popolfrontaj bagateloj de filistroj. Kaj tiuj, kiuj suspekteme asertas, ke okazis ŝanĝoj postulantaj novajn taktikojn ne faru al si iluziojn. «Socialismo en unu sola lando» estas revo, k sekve en du landoj estus du revoj. Nur kiam la tuta mondo estos unu sola lando, povos la proletaro masoni socialismon. Tiu helpa rolo apartenas al la Faŝismo, kiu laboras naive por ebenigi al ni la vojon.

Restu vi do hedere fidelaj ĉirkaŭ la akso de nia Organizo, ĥemie klasbatala.

**Familia Komitato de GLACIECA ASOCIO PLANEDARA**

(*) Vidu «Sennaciulo»-n. N.° 453 de 25. Majo 1937.



GLACIA IRONIO

En la mondo ĉio estas efemere relativa! eĉ la domoj, kiuj falegas pro efiko de faŝistaj bomboj. Tio havas tamen la utilan sekvon, en ĉi tiu kazo, ebligi rigardi, ekde la supro, la internon de kelkaj ĉambroj de la ejo kie okazis, antaŭ tri jaroj, la XIV. Kongreso de S. A. T. Nia redaktejo ĵaluze situas proksime...

BULGARA KUNLABORO

# FRAGMENTOJ EL LETERO

Simpla letero, nature verkita laŭ familia stilo, povas esti instrua dokumento pri serioza temo. Kun plezuro ni preslitere aperigas ĉi-sube fragmentojn de unu el multaj leteroj, kiuj ĉiutage venas al niaj manoj. La bona kamarado el Sofio, J. N. H. certe pardonos la «perfideton»...

Karegaj kamaradoj k fratoj!

Pri la ekzisto de POPOLA FRONTO mi eksciis per amiko el Francio, kiu sendis al mi ekzempleron k ekde la sepa numero mi regule legas ĝin. La jam tralegitajn numerojn mi dissendas al miaj multenombraj enlandaj konatoj k ĉion trairigas multe da soifaj okuloj.

Efektive, estis granda malfeliĉo por la homaro la mastrumo de ŝtata respondeca posteno fare de tiu hezitemulo Leon Blum, malfeliĉa elpensito de la «Ne-Interveno». Pro tio estas ebla la monstra fakto, ke la ĉefo de popolfronta registaro embarasas la defendon de la Hispana Respubliko k eblis la organizado de kontrolo ĉe respublikanaj marbordoj pere de germanaj k italaj ŝipoj, kiuj tiomfoje kaŝe sendis siajn detruajn donacojn al la registaraj havenoj—oni metas la vulpon gardi la kokinejon!—; permesante, ke dum la Komitato pri Ne-Interveno kunsidas en Londono, samtempe miloj da italaj k germanaj trupanoj elŝipiĝas k invadas la hispanan teritorion, dum gravaj demokratoj, kiel struto, kaŝas la kapon en la sablon k ŝajnigas kredi, ke la paco estas sekura, kvankam ŝajnoj ofte trompas...

La faŝismo ja estas aŭdaca sed nur pro tio, ke ĝi ne renkontas decan kontraŭagon k pro tio, ke inter ĝia ideologio k la ideologio de Albionaj demokratoj estas intima simileco. La aventuroj de faŝistaj apostoloj Hitler k Mussolini ne estas tiom indignigaj. Ili fidele, firme, defendas siajn ideojn pri homa sklavigo. Sed indigniga estas la sinteno de la fuŝaj amikoj, pretendantaj defendi la Demokration k la Progreson.

Tamen vi venkos, ĉar via batalo ne estas loka ribelo, elementa eksplodo, SED REVOLUCIO, kiu metas limojn inter du epokoj. La tuta hispana popolo batalas je la nomo de sopirata ideo pri transformo de la ekonomia k socia vivo k jam ne estas forto, kapabla revenigi la estinton en Hispanio. La premiso de via senduba venko estas la fera unuiĝo, kiu ekzistas inter ĉiuj progresemaj organizoj en via lando, eĉ la anarkistoj, kiuj en la pasinteco ĉiun partion k ŝtatpotencon kontraŭstaris. La vivo estas malfermita lernolibro!

Mi legas paroladon de la batalantino Montseny k admiras la logikan evoluon de tiuj doktrinanoj, kiujn en la tuta mondo oni taksis nur kiel detruantojn. Ili komprenis, ke ne ekzistas nur armeo kapitalisma, sed ankaŭ popola armeo k ne nur perforta disciplino sed ankaŭ konscia, revolucia disciplino k ke ambaŭ estas necesaj por asekuri la sukceson! Ili ankaŭ eble komprenos, ke la teruraj vortoj «ŝtato» k «potenco», se oni enigas en ilin novan enhavon, akiros tute novajn kvalitojn k ili estos kvazaŭ tute novaj formoj de popola politiko.

Ili donis al Hispanio sian senmortan heroon Durruti. Ĉiuj proletorganizoj donis heroojn tiajn. La restantoj, kiuj vivas, interkompreniĝos k daŭrigos batalon ĝis finvenko. Vi servas al la progreso, vi defendas la liberon. Vi havas cerbon, kiu tre bone komprenis la lecionojn pri la tragedioj germana, aŭstria k. a. Vian imitindan ekzemplon aliaj popoloj sekvos. Vi devas konservi k firmigi vian Popolan Fronton eĉ ankaŭ post la venko. Streĉu fortojn, hispanaj kamaradoj! Al vi estas direktataj la okuloj de milionoj da premataj homamasoj kun simpatio k fido al via heroa sinteno.

Karaj kamaradoj! Mi estas filo de malgranda sed baraktanta popolo, kiu ankaŭ meritis gloron antaŭ progresemaj intelektoj en nia terura epoko; la bulgara popolo donis al la homaro la avangardan batalanton Dimitrov, la kuraĝa senmaskiganto de faŝismo ĉe Leipziga proceso; kiu laŭte elvokis: «Mi protestas kontraŭ la kulpigoj al bulgara popolo je barbareco. Barbaroj estas la bulgaraj faŝistoj. Sed, kiaj faŝistoj ne estas barbaroj?».

Nia popolo estas la unua, kiu spertis la «belaĵojn» de faŝista civilizo. Je 9. VI. 1923 j. per nokta ŝtatperforto, ĉe ni stariĝis diktaturo. La unua homo en la lando, prezidanto de Ministeria Konsilantaro, Stamboliiski estis kaptata, venigata en sian domon, ĉe vilaĝo Slavovica, k la tutan nokton, rajdata kiel ĉevalo, de kapitano Harlakov k aliaj agentoj, kiuj pikis la okulojn, detranĉis la orelojn k langon de la malfeliĉulo k finfine la kapon. Dum septembra popola ribelo en la sama jaro, gvidata de la komunista partio k sange sufokita de Ĉankov, oni ruinigis tutajn vilaĝojn, perfortigis la virinojn k knabinojn; dum ludo de nacia himno, oni masakris dekojn k centojn da kaptitoj k portis la kapojn de proletaj gvidantoj en la pinto de stangoj...

Venis Aprilo 1925. Oni bruligis vivantajn homojn en la mezo de Sofio, en la Obsteŝvenasa, kies malbonodoro disvastiĝis super la urbo. Oni bruligis la faman poeton Geo Miler, ankaŭ deputitojn, advokatojn, ĵurnalistojn... Oni starigis publikajn pendigilojn. Sensigne malaperis 30.000 homojn, la floraro de la laborista popolo.

La faŝismo venkis ĉe ni, post teruraj bataloj. Kaj ree, dum Septembro 1932, ĉe komunumaj elektoj en Sofio, laborista partio ricevis 20.000 voĉdonojn k 19 konsilantojn dum la tuta burĝa bloko ricevis nur 14 postenojn. Jen malbona simptomo...

Je 19. V. 1934., per nova ŝtatperforto oni forigis la lastajn restaĵojn de parlamentismo k ia leĝeco. Ĉio okazis tiel pro la eraroj de la popolaj organizoj, kiuj ne kuniĝis por komuna batalo, kiel vi nun. Sed ni estas malgranda lando k popolo; nia ekzemplo lernigis neniun...

Nun kreiĝas Popola Fronto en subtero. Ni ankoraŭ ne povas rompi la feran ringon, kiu preme zonas la tutan landon. Ni ege simpatias al via batalo. Ĉe internaciaj brigadoj troviĝas samlandanoj niaj. Ni ne malesperas. La karceroj krevas pro abundo de popolfiloj. Unu post la alia, politikaj procesoj sinsekvas. Kugloj ofte trafas mortkondamnitojn. Sed ni daŭrigas la subteran batalon. Ni venkos! Ni revidos la lumon!

Akceptu batalsalutojn, hispanaj kamaradoj! Saluton de bulgara popolo al viaj honestaj k amataj gvidantoj...

Gloran sukceson al via batalo! Morton al la faŝismo!

**EĈ EN LA GLACIA ZONO.** Antaŭ kelkaj tagoj, la ĉiutaga radiotelegrafia depeŝo de la soveta ekspedicio al Norda Poluso, post informado pri la bona situacio sur la bankizo, finiĝis per jenaj vortoj, kiuj pruvas kortuŝe kiel la kuraĝaj sovetaj polusaj esplorantoj sekvas, en tiel malproksimega regiono, meze de glacia dezerto, la epopeon de Hispanio: «Kun forta kolero, ni scias pri la krima germana faŝista bombardado kontraŭ Almerio.»

# MOZAIKO

● La itala gazeto *Regime Fascista* diras: «Se la antifaŝista gazetaro ne estas ankoraŭ informita pri tio, ni rapidas sciigi, ke la «Nigraj Sagoj» estas niaj «nigraĉemizuloj», estas niaj soldatoj, kiuj de antaŭ kelkaj monatoj heroe albatalas la komunismon.»

Ni jam sciis kiaj ili estas; ni ankaŭ scias, ke ili ne luktas kontraŭ la komunismo sed favore al faŝismo, kio ne estas same. Ankaŭ ni scias kiel ili fuĝas!

Kaj, fine, kiel fartas Ne-Interveno?

● El Gibraltaro oni komunikas, ke kelkaj centoj da germanaj «volontuloj» kiuj laboras en fortikaĵoj apud Algeciras, estas translokitaj al orienta flanko de Punta Carnero por konstruo de aliaj fortikaĵoj kiuj baldaŭ ricevos pezajn kanonojn.

Ĉu sinjoro Eden jam enketis?

● Angla teknikisto Maxim Wood publikigis raporton pri detruado de Gernika. Li pruvas, ke la bombardado estas farita per aviadiloj germanaj, tipo «Heinkel 300». La bomboj ankaŭ estas germanaj fabrikitaj en 1936, laŭ malnova sed efika modelo. Ankaŭ li diras, ke tiuokaze oni uzis, la unuan fojon sur urboj, la aerajn torpedojn, kiuj estas terure efikaj detruiloj.

● La 26. Majo kelkaj faŝistaj aviadiloj atakis k faligis francan poŝtan aeroplanon, apartenantan al linio «Air Pyrenees». La aviadisto k pasaĝerino estis vunditaj.

Tamen, Francio ne atakis iun faŝistan urbon... malgraŭ ĝia rikano.

● La itala gazetaro antaŭ ol kiam nia Registaro diskonigis la «Blanka Libro»-n anoncadis, ke ĝi nur enhavas «dokumentojn, kiuj pruvas nenion». Post la sensacia efekto, kiun ĝi kaŭzis, la sama gazetaro diras: «Tiuj dokumentoj nur pruvas la perfektecon de itala faŝista organizo.»

● La tribunalo de Douai kondamnis du finlandanojn k enkarcerigis ilin ĉar ili intencis veni en nian landon por lukti volonte en niaj vicoj.

Ĉu tia tribunalo ne kapablos juĝi la germanajn k italajn «volontulojn»?

● Laŭ oficialaj statistikoj de germana registaro, la hispana Maroko sendis al Hitlerio, dum monato Marto, 76.572 tunojn da fermineralo; dum Aprilo 129.839 tunojn da sama mineralo. Tiuj ciferoj elokvente montras kiel kreskas iu interesa «ideologia» aspekto de nia milito.

● Milita komando de Asturia fronto komunikas, ke dum monatoj Marto, Aprilo k Majo dizertis el faŝista zono k venis al la nia 1.357 soldatoj k 1.437 civiluloj.

Tia transkurado senĉese daŭras en ĉiuj frontoj, kio efike parolas pri la vera sinteno de hispana popolo.

● Kiel en Belgio, en lastaj balotoj de Nederlando la faŝistoj perdis gravan nombron da voĉdonoj. Ili nur atingis 50 °/₀ el kvanto atingita dum antaŭa elektado.

Ni ĝojas pro la fakto, sed ni timas pro la konsekvencoj, ĉar ankaŭ en nia lando ili perdis en balotado k pro tio mem ili «patriote» ekribelis.

● Jam nur ekzistas maskoj en diplomataj medioj. Ekster diplomata kampo oni komencas tre senvualigi la okazintaĵojn. Itala registaro jam publikigis kelkajn listojn de italaj soldatoj mortintaj en Hispanio.

● Kelkafoje ne estas agrabla afero deziri kontroli la veron. La korespondantino de angla gazeto «Daily Express» vizitis en Silezio la patrinon de germana aviadisto Wandel; mortkondamnita en Bilbao, celante enketon. La sekreta polico ŝin arestis sub preteksto ke ŝi serĉis tendencan deklaracion. Post energia reklamado, ŝi estis liberigita.

● Laŭ la korespondanto de la gazeto *News Chronicle*, en San-Sebastiano multaj italaj soldatoj ribelis postulante tujan revenon al sia lando.

Estas arestitaj du cent soldatoj; la polico pafis ree al civiluloj, kiuj apogis la soldatan postulon.

Lastatempe, itala registaro dekretis malpermeson pri reveno al «volontuloj» kiuj venis al Hispanio; verŝajne ĝi preferas la morton de l' volontuloj. Ĝi timas ke ili revenu tro babilemaj en italan landon.

● La havenlaboristo de Bremen ree denuncis, ke en tiu haveno oni konstante organizas sendojn de militmaterialo por hispanaj ribeluloj, malgraŭ la Ne-Interveno.

Konsekvence la polico kreis servon por spionado al ĉiuj laboristoj.



Johano March, la funebra milionulo k «honesta» kontrabandisto je tabako. Li estas la plej riĉa bankiero el Hispanio, feŭda mastro de Maljorko k ĉefa financinto de la ribelo. Liaj negocoj ĝuis aŭreolon je krimoj k raboj. La popolo donis al li la nomon je «Pirato de la Mediteraneo»

● Neniam ni kredis, ke oni povas mensogi tiel cinike kiel faris generalo Von Blomberg dum intervjuo kun reprezentanto de Stefani-Agentejo. Li diris: «Estus absurde atribui al mia vojaĝo kaŝitajn politikajn intencojn. La *Duce* k ankaŭ la *Führer* nur plene deziras la pacon de la mondo».

● En germana pavilono de Pariza Ekspozicio ekzistas du arboj sub kies scienca nomo, germane redaktita, estas la indiko ke ili devenas el Kanariaj Insuloj.

Kiel oni vidas la germanoj elmontras publike, antaŭ ĉies nazoj, la akiratan propraĵon en tiuj hispanaj provincoj. Ne ĉio estos tiel facila.

● Germanio retiriĝis, eĉ provizore, de la kontrolo. Tuj ĝi sendis al Mediteraneo sian eskadron. Nun estas jam en hispanaj maraj akvoj, tri kirasŝipoj, tri krozŝipoj, dek torpedŝipoj k ses submarenoj; entute 22 militŝipoj, kiuj ne venis por kontroli, sed kun alia speciala misio. Eble ĝi estas, laŭ oni povas konjekti el nunaj eventoj, kaŝa k perfida blokado al nia tuta marbordo.

● La Madrida polico malkovris gravan organizon de germana faŝista propagando, kiu laboras sub la estreco de Gustav Reder Kindeli, en kies loĝejo estas trovitaj multaj dokumentoj, pruvantaj ke Reder estis delegito de germana registaro por spionado k propagando.

Estas arestitaj du kunkulpuloj. Reder troviĝas nun en Parizo. Ni gratulas la francojn, kiuj havas la plezuron ricevi tian gaston.

● La 8. nunmonate alvenis en la golfeton de Pollensa (Balearaj Insuloj) tri italaj hidroplanoj, kiuj pliigis la nombron da italaj aviadiloj, kiujn jam posedas tiu milita bazo, el kie oni organizas la atakojn al niaj maraj urboj. Eden estos kontenta!

**Esperantismo ne estas dogmo de sekto, sed instrumento de progreso!**

REKTA KONTAKTO KUN LA POPOLA MONDO

# Nia partopreno en du Kongresoj internaciaj

En la komenco de proksima Aŭgusto, okazos sinsekve, en Roterdamo k Parizo, la gravaj laboristaj internaciaj Esperanto-Kongresoj de S.A.T. k I.P.E.

Post serioza studo, nia redakcio ĵus decidis sendi oficialan reprezenton, je unu aŭ du delegitoj, al ambaŭ viglaj rendevuoj. Tial, kompreneble se la cirkonstancoj lasthore tion ne malhelpas, nia gazeto, defendante solidan tutpopolan unuecon, klarigos, antaŭ diversnacia publiko, interesajn, instruajn k eĉ intimajn detalojn de nia milito, ne jam per la sekaj figuroj de presitaj literoj sed per la varmaj fluoj de viva parolo.

Respondecaj amikoj, el la koncernaj — aŭ aliaj gravaj — urboj, estas petataj aranĝi, se eble, kun tempo, en konvenaj lokoj, prelegojn aŭ paroladojn. Tre volonte ni akceptas jam proponojn k sugestojn, en tiu senco, por pretigi almenaŭ iun provizoran programon, kiel normon por nia vojaĝo.

## NIA MUNICIO

| | | |
|---|---|---|
| Valencia esperantistaro. . . | 47'25 | ptoj. |
| L. S.—Tampere. . . . . | 50 | f.mk. |
| J. Disko.—Albacete. . . . | 10 | ptoj. |
| P. S.—Orihuela. . . . . | 6 | » |
| J. A.—Madrid. . . . . . | 14'25 | » |
| S. P.—. . . . . . . . | 5 | » |
| M. G.—Puebla Valverde. . | 2'50 | » |
| A. P.—Caspe. . . . . . | 25 | » |
| J. S.—Albacete. . . . . . | 25 | » |
| L. J.—Marseille. . . . . . | 5 | ffr. |
| R. D.—Tours. . . . . . | 10 | » |
| A. R.—Malung. . . . . . | 84'27 | » |
| V. H.—Avesta. . . . . . | 56 | » |
| L. O'C.—Melbourne. . . . | 3 | ŝil. |
| H. S.—Stokholm. . . . . | 27'77 | ffr. |
| F. G.—Dammarie s/Loing. . | 10 | » |
| B. R.—La Geneytouse. . . | 10 | » |
| J. E.—Rouen. . . . . . | 20 | » |
| P. L. P.—Westmount. . . . | 2 | Dol. |
| Groupe Esp. Ouvrier.—Orleans (antaŭa). . . . . . | 5'50 | ffr. |
| Groupe Esp. Ouvrier.—Orleans (lasta). . . . . . . | 11'50 | » |
| D.—Saint Etienne. . . . . | 20 | » |
| R. J.—Saint Etiene. . . . | 10 | ffr. |
| H. L.—Genève. . . . . . | 40 | » |
| Groupe Esp. Ouvrier. — Clermont Ferrand. . . . | 10 | » |
| Th. K.—Trebec.. . . . . | 30 | ĉ.kr. |

## INFORMEJO

### ONI SCIVOLAS PRI

S-ro Arnold Pulver-Righeti. Liaj fratinoj timas lian malaperon ĉar ili, jam de longe, ne ricevis respondon. Lia nacieco estas svisa k lia ĝisnuna adreso estis: Hotel Colon, Barcelono.

K-do Feliciano Martin, strato Molino de Viento, 2, Madrido.

K-do Paul Prabucki, ĉe la sama adreso.

K-do Marti Juliol, Cassa de la Selva.

K—do. A. Damsteeg, kiu dejoris lastatempe en Internacia Brigado.

K-do. Manfred Holmberg, de Malmö, Svedio. Ŝipano, vizitinta nin kelkfoje en Valencio. Li anoncis antaŭ kelke da tempo sian novan alvenon en nian urbon, sed li ne venis. Ni timas pri lia sorto!

## AMIKOJ EL NEDERLANDO!

Per la bildo sur la unua paĝo vi povas konstati, ke jam efektiviĝis la intenco reeldoni nian gazeton en via nacia lingvo.

La k-doj, kiuj entreprenis la taskon plenumis sian devon, nun mankas nur via utila kunlaboro. Skribu tuj, rapide, al k-do:

H. J. NIEUWENHUIZEN
Laakhof, 37. — HAGO (Nederlando)

## LASTA HORO

Kontraŭ Bilbao denove la faŝismo uzas, en forta premego, la germanan materialon k la italajn regimentojn. La baska popolo estas preta defendi la ĉefurbon je ĉiu kosto. En la aragonaj Pirineoj la popolaj soldatoj ĵus gajnis valorajn poziciojn. En la frontoj de Madrido, la situacio estas ĉiutage plej bona, malgraŭ la daŭra artileria pafado. En la andaluziaj sektoroj la limoj ne suferis ŝanĝojn.

La ĉefa atento, por streĉa zorgo, devas sekvi la direkton al la baska zono. La Prezidanto de Baskio ĵus sendis, al la demokrata k sana opinio de la tuta mondo, manifeston kie aperas reliefe la krimojn de la invadintoj, cinike celante trudi despotismon al paca popolo, antaŭ la indiferento de ĉiuj registaroj k eĉ kun la aprobo de tiu Komitato de Londono...

Estas jam videbla la malamikeco de kelkaj «amikoj». Por Hispanio, la kolero ne estas bona armilo, sed la morto estas eble bona ekzemplo!

Presejo de J. Olmos, Alicante, 33, Valencia

## POPOLFRONTA LETERUJO

R. P.—Grangem—La mono, kiun ni ricevadas k kvitancas sub rubriko «Nia Municio» taŭgas por subteni la eldonon de nia bulteno.

T. E—Nynashamm—Agrable ni ankaŭ memoras pri via persona konatiĝo. Via amiko J. G. ĵus soldatiĝis, sed provizore li ankoraŭ restas en nia urbo.

J. S—Heerlen—Neniel kredu tion, kion skribas la reakciaj gazetoj. Ni ne batalas kontraŭ katolikismo, nek kontraŭ la katolikoj.

J. R.—Puigcerdá—Ni tute konsentas al via propono k atendas novajn sciigojn.

W. M.—Louvain—Ni ĝojas, ke vi senpacience atendas ĉiam nian gazeton. Vian monsendon bone alvenis k ni jam kvitancis en pasinta numero.

J. R. W.—London—Laŭlonge de tuta gazeto k pro ĝia malamplekso, la uzado de *K* anstataŭ *kaj* ŝparas gravan spacon. Cetere, ni tiel solvas problemon por la presejoj, kiuj alimaniere bezonus pli grandan stokon da prestipoj *j* ĉar Esperanto postulas eksterordinaran nombron da tiu litero.

N. S. P.—Naĥtaĥne.—Ni dankas vin korege pro viaj interesplenaj skribaĵoj, kiujn ni tre ŝatas. Eventuale ni profitos ion, sed atentu, ke nia bulteno havas malmultajn paĝojn. Vi ricevos leteron.

J. H.—Loka—Jes. Alvenis la respondkuponoj. Dankon. Ni konsilas, okaze de nova sendo, uzi la svedan perantejon, kies anoncon vi trovos en alia loko de ĉi tiu numero.

R. J.—Saint-Etiene—La filo de K-do. Largo Caballero militservis en Segovia ĉe eksplodo de la ribelo. Li estis pafmortigata nur ĉar li estis filo de la laborista gvidanto.

S. D.—Alcaracejos. Ambaŭ monsendoj trafis nin akurate. Ni deziras al vi gloran venkon en estontaj bataloj. Verku ion por *P. F.* ni petas. K-doj. G. k J. Bosch dankas viajn memoraĵojn k reciprokas.

H. v D.—Utreĥt—La monsendoj de niaj perantoj ne okazas ĉiutage, k la k-doj. ne senpacienciĝu se ne tuj aperas jam iliaj nomoj k sumoj en NIA MUNICIO; cetere, malgranda poŝta malfruo prokrastigas duonmonate la aperon. En n.° 15 ni kvitancis ambaŭ monsendojn. La K-doj. de vi aluditaj meritas dankojn en sia oferema laborado.

J. S.—Campo Quijano.—En la 9.ª numero de *P. F.* ni jam kvitancis vian monsendon de 5 pesoj. Hodiaŭ ni dankas pro viaj respondkuponoj.

Ĉ. H.—Shanghai.—Viajn rimarkojn ni notas kun intereso k danko. Kredeble, via indiko pri la lingva stilo rilatas speciale al kelkaj artikoloj, sed ne al la tuta gazeto ĝenerale. Ni penos kontentigi vin. Pri la karaktero de nia revueto, ĝi klopodas esti informa sed ne povas ne esti samtempe argumenta. Bedaŭrinde, multaj k-doj. pro neeblo disponi je proleta aŭ demokrateca gazeto, aŭ pro nekompreneblaj kaŭzoj, nur legas reakciajn ĵurnalojn. Ni scias, ke kun maloftaj esceptoj, la tuta kapitalisma ĵurnalaro sabotas la sciigojn de la lojala flanko de Hispanio. Tial ni disvastigas dokumentojn k raportojn, kiuj plurfoje ne jam estas konataj de niaj legantoj, kvankam kelkfoje ili ne estas novaĵoj por la plimulto el niaj k-doj. Ankaŭ ne forgesu ke ni sendas, laŭeble, nian gazeton al faŝistaj landoj. Batalsaluton!